# Hispana Esperanto GAZETO

1a jaro SEPTEMBRO 1931 N-ro 6

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO

ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)



TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

## AL LA MEMBROJ DE H. E. A.

Laŭ decido de la Delegitaro de nia Asocio, pro propono de la Centra parto de la Direktanta Komitato, min honoris la Asocio, elektante min PROVIZORA PREZIDANTO; tial, mia unua devo estas danki la Asocion. Sed dua nepre plenumota devo estas ne perdi la tempon kaj ekagi, por kio mi min turnas al ĉiuj, esprimante miajn opiniojn, konigante ilin, por ke oni studu, analizu, kritiku kaj modifu ilin se necese, al plej bona funkciado kaj sukceso de nia Asocio.

Novaj vivocirkonstancoj influas ĉion en nia lando: nova reĝimo gvidas la destinon de nia lando; ni, esperantistoj, devas atenti bone la nunan staton de la lando, kaj la nunan staton de la hispana esperantismo, por konkludi normojn de konduto, gvidate de la plej pura neŭtraleco esperanta kaj de nia INTERNA IDEO. Sed nenio konsilas ŝanĝi nian organizon; tute male: nia nuna organizo komplezas komplete ĉiajn aspirojn de lokaj kaj regionaj samideanaroj, kiuj tute libere povas decidi pri siaj lokaj kaj regionaj organizoj, ĉar nia Asocio nur celas: arigi la hispanajn samideanojn por ilin prezenti grandamase al la publiko kaj al la Registaro kaj ĉi tiujn influi favore al nia celo; unuigi la laboron ĉies al la dirita influo kaj impreso, kaj per ĉi lastaj trafi la apogon de la Registaro, kaj ke la apogo trafu siavice ĉiujn samasocianojn egale, kiuj, por plej granda efiko aŭ rezultato, ĉie povas ariĝi loke eĉ regione laŭ memdecido libera, tute libera, sen postulo aŭ altrudo al iu ajn, kaj ĉiel agi por atingi la enkondukon oficialan de Esperanto en la lernejoj. Ĉial, mi opinias:

I.e Ke nia Asocio devas okazigi sian proksiman Kongreson je la monato majo de 1932, en Madrido, dum la urbaj festoj por profite ĉi tiujn kaj la fervojan rabaton sen neceso ĉi tiun peti, ĉar Madrido estas centra loko facile alirebla, kaj la samideanoj devas ĉeesti la Kongreson kiel eble plej multenombre por voĉdoni la novan regularon, kiu aperis sur la antaŭa numero de ĉi gazeto kun la amendoj faritaj de la samideanoj apartenantaj al nia Asocio;

II.e Invite frate ĉiujn samideanojn neapartenantajn al Hispana Esperanto-Asocio por pritrakti ĝeneralajn esperantajn aferojn kaj noblan kunlaboradon al efektivigo de la Universala Esperanto Kongreso en Madrido por la jaro 1933, celante per la Kongreso elpruvi la utilon de Esperanto de ĉiuj praktikaj vidpunktoj, kaj definitive konvinki la Registaron pri la neceso oficialigi la instruadon de Esperanto en la lernejoj se antaŭe nia laboro ne estus ĝin trafinta;

III.e Peti de niaj samasocianoj, S-roj Francisco Azorín, Rodrigo Almada kaj Cayetano Redondo, nunaj Parlamentanoj, ke ili faru la

eblon por trafi la apogon de la Registaro al Esperanto, speciale de la Ministro de Publika Instruado, enkondukante la instruadon de Esperanto oficiale kaj eksperimente almenaŭ en ĉiuj lokoj en kiuj nia Asocio, aŭ kiu ajn alia Asocio, povos disponi kapablan profesoron por la instruado.

Mi, kiel Prezidanto, kvankam provizora, klopodos ĉiel por atingi tion, kion la samideanaro decidos; sed, dum venos la decido, mi ne malŝparos la tempon, kiel mi ne ĝin malŝparis, laborante por trafi bonaĵojn al nia afero.

Bedaŭrinde, pasintaĵoj ne permesis ĝustatempan eliron de decembra numero de «Hispana Esperanto», kiun vi certe ricevis kun la antaŭa numero de nia oficiala kaj propra organo; sed feliĉe ĝi aperis fine, kaj mi diras feliĉe ĉar la decembra numero de «Hispana Espenranto» estas tre grava pro sia teksto, el kiu vi devas atenti bone la ĉefan artikolon «Ni estu singardemaj» kaj «Kalkuloj de la Kongreso de Oviedo». Atentu bone la legadon de ambaŭ artikoloj, relegu tion kion aludas la unua («Ni estu singardemaj»), kaj certe vi konscios, ke ni devas daŭrigi nian Asocion same kiel ni ĝin fondis, ĉar neniu malsukceso estis al ni, kaj la sperto elpruvis ĝian utilon kaj efikon spite de ĉiaj kontraŭagoj de samideanoj, kiuj bezonas detrui por krei, renversi por starigi, ne atentante ke plej efika lemo estas «*krei ne detruante similulon, sed naskante novan ulon, kies agado sumiĝu al la agado de la jam antaŭe ekzistanta per rezulto aŭ fruktodono al komuna celo.*»

Bonvolu, do, opinii kaj sendi viajn opiniiojn al viaj respektivaj Delegitoj, kiuj laŭ viaj opinioj proponos al la Komitato, ĉar per ĉi teksto mi sciigas al vi miajn sugestiojn antaŭ ol proponi al la Komitato, por ke estu la ĝenerala opinio la propononto.

JULIO MANGADA ROSENORN

## SECCION DE PROPAGANDA

### RADIO ESPERANTO

### III

La fandestro Schwartz' en la jaro 1805, observis, ke arĝenta fandaĵo tre varmigita, sur malvarma amboso, sonis dum ĝia malvarmiĝado, deduktante, ke du korpoj el diversaj temperaturoj unuigitaj radias sonon ĝis la ekvilibro de ambaŭ temperaturoj.

Arturo Trevelyan', en 1829, hazarde metis varman lutilon sur

plumba amaso, aŭdante akran sonon, pro kio li faris metalan skatolon, kies tenilon apogis sur plumba cilindro; kiam oni hejtis la skatolon, tiam ĝi radiis sonon.

Ankaŭ flamo radias lumon, kaloron kaj sonon, laŭ eksperimentoj de Schffgotsch' kaj Tyndall'; tiajn flamojn nomis ili *kantantaj flamoj*, kiuj inspiris al Kastner konstrui specialan orgenon.

En 1887: Preece raportis pri la sono originita per la radiado de la malvarma lumo, ĉe Reĝa Socio Londona. Tion konstatis Graham Bell kaj Tainter'.

La eksterordinaraj eksperimentoj de la germana eminentulo Enriko HERTZ sensaciigis ĉiujn scienculojn. HERTZ povis demonstradi, ke la elektraradiado reproduktas elektron, kaloron, lumon kaj sonon, kiuj estas diversaj formoj de unusola forto, de unika povo, de unusola kaŭzo, do ĉiuj ili estas vibrado de diferencaj ondlongecoj.

Tiel do, oni povas radii elektron, lumon, sonon kaj kaloron.

Tial, ni povas korekte diri: *radielektro*=elektro radiita; *radilumo*=lumo radiita; *radikaloro*=kaloro radiita; *radisono*=sono radiita.

Sed la vulgaraj vortoj *sono* kaj *lumo* estis anstataŭitaj de la sciencaj vortoj *fono* kaj *foto*, universale akceptitaj, ekzemple: telefono, fonometro, fonografo; fotografio, fotometro, fotolitografio, k. t. p. pro tio, ankaŭ korekte ni povas diri *radiofono* kaj *radiofoto* por esprimi per minimumaj formoj la radiadon de la sono kaj lumo, de la vortoj *radiotelefono* kaj *radiotelefoto*.

Kompreneble, el radiostacio nur eliras konkrete, elektrondoj modifitaj per la sonondoj, ĉu el gramofono, ĉu el parolanto, ĉu el aliaj muzikiloj, aŭ per lumondoj, ĉu el naturo, ĉu el artifiko, sed pro tio ne senvaloras la kunmetataj radikoj *radiofono*, *radiofoto*, laŭ *leĝo de la minimuma peno*.

Tia estas nia propono, kvazaŭ *naskvortoj*, kiuj povas meriti la interkonsenton de la specialistoj.

Komunikantaj radiostacioj:

*Odessa* (450 m.) Kw. 1 radias esp. lingve de 19,40 ĝis 20 Greenvicha suna horo, du aŭ tri fojojn ĉiu semajne, laŭ komunikis nin Komisario de Poŝto kaj Telegrafo.—Li deziras, ke ĉiu radiaŭdanto informu lin pri la aŭdebleko kaj antaŭdankas pro tio.

*Leipzig* (295 m.) Kw. 1, Dro. Dietterle finis siajn esp. prelegojn, kiuj estas anstataŭitaj per nova esp. kurso ĉiudimanĉe posttagmeze.

Baldaŭ denove prezentos esp. kvaronhorojn.

Ni dankas al supera studokonsulanto prof. Dro. Dietterle direktoro de Esperanto-Instituto por la germana respubliko, pro lia ĝentila komunikaĵo, kaj avide ni atendas la novan aranĝon de la sprita radioesperanto, el tia lerta pioniro, por eksterlandanaj radiaŭdantoj.

*Bern* (403 m.) Kw. 1.—*Basel* (319 m.) Kw. 0,25.—*Zurich* (459 m.) Kw. 0,75, nun kunfandiĝis kaj la komitato de tiuj radiostacioj forstrekis el la programo la esp. radiadon.

Tial, estus bone, se la radiaŭdantoj sendus petskribon al *Radio-Stacio Bern Kursaal Schanzli*, por ke oni aranĝu denove esp. radiadon kaj plifortigi la rezolucion de la ĉijara Svisa Esperanto-Tago, sendita al svisa Radiokomisiono.

Dankante al Sro. K. M. Liniger pro lia afabla letero, ni devas samtempe gratuli lin pro la aranĝo de la XXV jara esp. festo de la Berna Societo kaj la Svisa Esperanto-Tago en Solothurn.

*Moskvo* (1.304 m.) Kw. 12, longondo, kaj (50 m.) mallongondo, laŭ tre ĝentile skribas al ni la radiistino Inna Marr, estis anstataŭita de la hispana, la esperanta radiado.

Plaĉas al ni, ke oni radiofonu hisp. lingve, sed tio ne baras la esp. radiadon. Konsideru, ŝatata f-ino, la specialajn cirkonstancojn nunajn de la homaro.—Estas multaj popoloj, kiuj ne konas la anglan, nederlandan, francan, hispanan, kaj rusan lingvojn, kiujn vi radiofonas, kaj por disvastigi la eŭropan kulturon, estas devigita la uzado de la esp. lingvo. Ĉu vi estus tion kompleza por prezenti al via radiostaciestro nian esp. aspiron? Se tio estas eble, ja ni estas certaj, ke nia celo nepre estos atingota de tia ravanta perantino. Ni antaŭdankas kaj gratulas vin pro tia sukcesota agado.

FRANCISCO M. RUA

* * *

## PENSAMIENTO

¡Pueblos! Realizad el deseo de los sacerdotes de Egipto a favor del establecimiento de un idioma único, que unirá a todos los hombres.

PITÁGORAS

(De *La sabiduría Pitagórica*, por Federico Macé).

## PROYECTO DE ESTATUTOS
### de la Asociación Esperantista Española

(*Conclusión*)

Si al Congreso asistiesen esperantistas extranjeros en representación de alguna autoridad reconocida dentro del movimiento esperantista de cualquier nación o en el internacional, serán considerados con pleno

derecho a intervenir con sus opiniones en los asuntos de H. E. A., teniendo, por tanto, derecho de voz, pero no de voto.

### De la Revista

Art. 12. Es de gran conveniencia social poseer un órgano oficial que sirva de unión entre los socios, que informe a éstos de los asuntos de la Asociación nacional y del movimiento esperantista en nuestro país y en el extranjero, así como para que facilite otras informaciones y textos de interés para el asociado. (1)

Su Comité de Redacción estará constituído por once miembros del Instituto Español de Esperanto, bajo la dirección-gerencia de un miembro del Comité Central Ejecutivo, elegido por aquéllos.

### De los fondos

Art. 13. Los fondos de H. E. A. se constituirán con las cuotas de los socios, con las aportaciones voluntarias de socios y no socios, con la subvención del Estado y de Instituciones oficiales o particulares que las aporten y con los ingresos que puedan obtenerse con la organización de Congresos, festivales, etc.

Estos fondos se emplearán en los gastos naturales de administración y en la propaganda necesaria que sea preciso realizar en beneficio de la Asociación y, por consiguiente, del «Esperanto».

### Del domicilio social

Art. 14. El domicilio de H. E. A. será, por ahora, el de la Asamblea Suprema de la Cruz Roja Española, actualmente calle de Sagasta, número 10.

### De la disolución de H. E. A. o de su transformación

Art. 15. Por acuerdo de DOS TERCIOS de los socios numerarios podrá ser disuelta la Asociación; pero si existiesen DIEZ individuos de la disuelta asociación que quisieran constituirse en nueva entidad con el mismo nombre y con iguales o análogos Estatutos, y, por tanto,

---

(1) Esto, que era una aspiración cuando se inició el estudio de este proyecto, es actualmente una realidad. H. E. A. es propietaria de HISPANA ESPERANTO-GAZETO, órgano oficial de la Asociación, y se distribuye gratuitamente a todos los H. E. A.-anos y a quienes la soliciten, para efectos de propaganda, conforme se dijo en su primer número.

con finalidad semejante, siempre tendrán perfecto derecho para ello, sin que la disolución sea obstáculo al deseo de los DIEZ.

Art. 16. Caso de ser disuelta, los fondos sociales, el material y el archivo, pasarán al Grupo Esperantista que más miembros cuente en H. E. A., con fecha anterior en un año a la de la disolución; pero el capital pasará a dicho Grupo sólo para disponer de su renta, una vez depositado en un Banco de acreditada solvencia, en cuenta corriente con interés, en Cajas de Ahorros de Bancos, en acciones, o de otra forma segura y productiva, repartiéndose la renta entre los Grupos afiliados a H. E. A. con un año de anticipación a la fecha de disolución, y para que el capital pueda pasar a la Asociación que se crease. El material, para repartirlo entre los Grupos aludidos, proporcionalmente al número de miembros que tuvieron en H. E. A., siendo derecho de los Presidentes de estos Grupos intervenir en el reparto de ese material. El Archivo, para su conservación y entregarlo, con el capital, en su día, a la Asociación reorganizada o nueva.

Art. 17. De conformidad con cuanto dispone el artículo 15 para la disolución de la Asociación, también por el voto de DOS TERCIOS de los socios numerarios podrán modificarse o sustituirse por otros estos Estatutos, pero cabe a DIEZ de los asociados apoyarse en ellos para constituir una organización que los mantenga por completo, desligada de la formada por los innovadores.

## LITERATURO

### EL «LA FERA TORENTO»

*de Aleĥandro Serafimovitch.*

FRAGMENTO ESPERANTIGITA

La infanoj ploras ne plu, ne plu petas panon; sed la palaj kapetoj balanciĝadas sur la kapkusenoj. La patrinoj ne plu admonas ĉar por tio ĉi ne estas kaŭzo, ili jam ne karesas, ili jam ne nutras. Ili piediras apud la ĉaroj, obstine fiksante la rigardon en la kurbojn kaj zigzagojn de l' vojo maltrankviligata senfine de la forkuro. Kaj iliaj okuloj estas sekaj, tute senlarmaj.

Granda timego, freneza teruro, ekiĝas, kiam oni vidas, ke ĉevalo haltas. Ĉiuj sin metas freneze por puŝi la radon, levante per siaj ŝultroj la flankojn de la ĉaro, vipante freneze la ĉevalon, kriegante malhumanajn kriojn; sed la seninterrompa grincado infera de multenombraj veturiloj kaj kanonoj, centobligite de la elio, absorbas tuj sensignife tutan bruegon pro tiaj apartaj laboroj, penoj kaj ekkrioj.

Kaj la ĉevalo ankoraŭ paŝas lastan fojon, ŝanceliĝas kaj falas teren, rompante la ĉarvergojn. Ĝi jam ne plu stariĝos: jen rigidaj ĝiaj kruroj, ĝiaj dentoj vidiĝas ĉar ĝia buŝo malfermiĝas; la lumo de l' vivo estingiĝas ĉe ĝiaj violkoloraj pupiloj.

Oni forigas el la ĉaro la infanojn. Tiuj, kiuj jam estas knabetoj, furioze estas batataj de la patrino, por devigi ilin piediri, kaj ŝi prenas braken aŭ ŝultren la malgrandetajn idojn; sed, se ĉi tiuj estas multaj aŭ troa ŝarĝo, ŝi forlasas unu-du en la rompita ĉaro, ne plorante pro senlarmaj okuloj kaj ne sin turnante. Kaj tiuj, kiuj postiras, daŭrigas sian iradon ne haltante, ne atentante. Malrapide, la ĉaroj kaj veturiloj preterpasas la senmovan ĉaron; la vivantaj ĉevaloj ankoraŭ same paŝadas apud la mortinta ĉevalo, infanoj, kiuj vivos, preterpasas infanojn ankoraŭ vivantajn, kaj la grincado konstanta, ĉiama, milobligite de la eĥo, malgravigas tion, kio okazis.

Patrino, kiu brakportis sian filineton, piedirante multenombrajn mejlojn, eklaciĝas. Ŝiaj kruroj ne povas ŝin subteni. Ĉio kvazaŭ turniĝas ĉirkaŭ ŝi, la ŝoseo, la veturiloj, la rokoj..., ĉio turniĝas ĉirkaŭ ŝi...

—Ne... Mi ne trafos la finvojon...

La virino eksidas ĉe la bordo de la vojo sur ŝtonamason kaj rigardadas sian filinon, lulante ŝin sur siaj brakoj. Kaj antaŭ ŝi, senfine, veturiloj preterpasadas.

La infanino vidigas sian buŝeton malfermata, la tro sekan buŝeton, kiu nigriĝadas pli kaj pli, dum ŝiaj bluaj okuletoj rigardas fikse, vitre.

La virino senesperiĝas.

—Ve! Karulino mia, mi ne havas jam lakton! Ho, mia amo! Ho, mia bono!

Freneze ŝi kisas la etulineton, kiu estas al la patrino ŝia vivo, ŝia lasta ĝojo; sed ŝi havas senlarmajn okulojn, sekajn kiel siajn mamojn.

La nigriĝinta buŝeto estas rigida. La okuloj, kovritaj de blanka nubo; la okuletoj estas senmovaj, vitraj. La virino kunpremas en sian sinon la amatan buŝeton, kiu malvarmiĝadas, nekapabla mamsuĉi.

—Donio, karulino mia, ne turmetu min! Mi ne volas, ke ci suferu antaŭ morti!

La korpeto malvarmiĝadas malrapide sur ŝiaj brakoj. La virino fosas truon apud la ŝtonamaso, kaj en la fosaĵon ŝi kuŝigas sian trezoron; ŝi demetas de sur sia kolo la krucon, kiu pendas de sur ĝi, por almeti la krucon al la karulineto mortinta per rubando ŝvittrempita, glitigante ameme ĉi tiun sur ŝiam malvarman rigidan kapeton. Poste, la patrino enterigas la korpeton kaj faras sur sin la signon de l' kruco, kaj diversfoje sur la tombon.

La geforkurantoj preterpasadas ŝin neatentante, konstante, longedaŭre, senripoze; same la veturiloj preterpasadas, kaj grincado de

malsato aŭdiĝas super la senfruktodonajn rokojn laŭ milaropa ĥoro milobligata de la eĥo.

Malproksimen, en la avangardon, eĉ la kavaleriaj soldatoj piediras, per la bridoj tirante la ĉevalojn, kiuj antaŭeniras pene kaj kies oreloj pendas kiel tiuj de hundoj.

La varmo ekrostas. La muŝoj reaperas plage, post la pluvŝtormo, kiu verŝajne ilin mortigis, sed kiuj, rifuĝinte en la veturilojn, nun formas nubojn.

—Ha, junuloj! Kio estas al vi, ĉu same kiel al hundo elŝtelinta la bifstekon? Ĉu kun la oreloj suben? Kio okazas? Ĉu vi ne kantos?

Neniu respondas. Ĉiu antaŭeniras lacega, malrapide, tirante sian ĉevalon.

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

PACAMANTO

* * *

## KUNLABORANTOJ DE LA KATOLIKAJ GEREĜOJ

Doktoro Palacios Rubios estas aŭtoro de tre citita kvankam ne multe konita libro, tre grava libro, *Traktato pri milit-heroa penado*, kaj pri ĉi doktoro aperigis libron profesoro de la Universitato de Salamanca S-ro Eloy Bullon; la libro estas titolita *Kunlaboranto de la Katolikaj Gereĝoj: doktoro Palacios Rubios kaj liaj verkoj*, kaj vidigas al ni la saĝan konsilanton de la Gereĝoj por la regado de Ameriko kaj liajn rilatojn kun pastro Bartolomé de las Casas, aŭtoro de la fama verko *Historio de Ameriko* (*Historia de las Indias*). Allogantaj estas la konsiloj de la doktoro pri la konduto al la amerikaj indiĝenoj.

Multfoje la heroa spirito kaj militpenado estas pli necesaj por la juristo aŭ leĝdonisto ol por la soldatoj. La Katolikaj gereĝoj estis tre bonŝancaj, ĉar ili havis tre saĝajn klerulojn por sia konsilantaro, tiel spertaj, kleraj, saĝaj kaj multenombraj, ke tiama verkisto Fernández de Oviedo diris: «ĉiu el ili estis inda regi grandan regnon. La Konsilantaron starigis la Deputataro de Toledo, je 1480, kaj pri ĉi Parlamento (Popoldelegitaro) diris Galíndez de Carvajal «ĝi estis diaĵo por la modifo de la ŝtataj aferoj kaj malaperigo de la pasinta senordo», kaj estas rimarkinde, ke al la Konsilantaro ne povis aparteni nobeluloj kaj pastroj por voĉdoni kvankam povis alesti. Oni elektis Palacios Rubios pro ordono de la reĝo Ferdinando al la posteno ĉe la Komitato de Juristoj por la amerikaj aferoj, komitato baldaŭ fariĝanta Reĝa Supera Konsilantaro de Ameriko (*de las Indias*): licen-

ciato Zapata, doktoro Palacios Rubios, licenciatoj Santiago kaj Sosa, k. c., decidis pri konduto sekvota al plej malfacilaj kaj gravaj aferoj koncerne Amerikon de la vidpunkto plej humana, kaj speciale la doktoro estis la plej firma defendanto de la humanaj doktrinoj. Jen la unua dokumento de tiu Konsilantaro, modelo de simpleco, koncizeco kaj de polilitika celo:

«Tre pova Sinjoro: Via Moŝto ordonis, ke ni partoprenu la aferojn pri Ameriko por informi Vin kaŭze de informoj donitaj de determinataj religiuloj al Vi post ilia reveno de tiu parto de la mondo, ĉu de dominikanoj, ĉu de franciskanoj, kaj vidinte la informojn kaj aŭdinte ĉion kion la monaĥoj volis diri al ni, eĉ aŭskultinte informojn de iuj personoj loĝintaj en Ameriko kaj sciantaj la Kapablojn de la indiĝenoj, ni opinias la jenon: I.e, ĉar la indiĝenoj estas liberaj kaj Via Reĝa Moŝto kaj la Reĝino, nia Mastrino (kiu estu ĉe l' sankta gloro) decidis konsideri ilin tute liberaj, ke ili estu tiaj kaj respektu ilian liberecon. II.e, ke oni instruu al ili la religian fidon, kiel la Papo ordonas, kaj VI ordonis per via dekreto, kaj pri ĉi tio Via Reĝa Moŝto devas disponi la plej grandan kaj necesan diligentecon. III.e, ke Via Moŝto povas ordoni, ke ili laboru, sed la laboro devas esti tiamaniere ke ĝi ne baru la instruon pri la fido, kaj ke ĝi estu fruktodona al ili kaj al la popolo, kaj ke la profito kaj servo al VI estu kaŭze de VIA mastrumeco postulanta la servon por ke ili bone restu en nia religio kaj justeco. IV.e, ke tia laboro estu elportebla kaj permesu al ili amuziĝi ĉiutage kaj dum la jaro laŭ tempo konvena. V.e, ke ili havu hejmon kaj terpecon proprajn laŭ konscio de la regantoj kaj regontoj Amerikon (la Indiojn), kaj ke oni donu al ili tempon por kulturi, posedi kaj konservi la propraĵon laŭ ilia maniero. VI.e, ke oni ordonu iliajn rilatojn kun la hispanoj alirintaj por ke ĉi tiuj plej bone kaj rapide instruu ilin. VII.e, ke oni pagu ilian laboron persalajro konvena, sed ne mona kaj jes laŭ vestoj kaj aliaĵoj por iliaj hejmoj.»

Je 1510, homoj de la Renesanco estas tiuj, kiuj praktikos leĝon diktitan de juristoj kaj moralistoj por plej bona servo de la Katolika Reĝo kaj de la nacio, nacio nova ĵus starigita: oni starigis la liberecon de la *indianoj*, kaj la rajton de la ŝtatestro devigi ilin al la laboro. Ili kulturos sian terposedaĵon kaj loĝos en siaj propraj hejmoj; ili havos salajron, kvankam ne mona; sed dum la pasado de la tempo la regantoj sinsekvaj ne plenumis la dokumenton kaj ĉi tiun anstataŭis per perforto k. c. La leĝoj de Burgos—1512, 1513—malpermesas utiligi virinojn kaj infanojn ne 12 jarajn por penigaj laboroj: *de la kvina monato de la gravedeco la virino nur sin okupos por la hejmaj laboroj*! Gloro al niaj homamaj juristoj kaj moralistoj tiamaj!

# IOM PRI LOGIKO

*Logiko* estas scienco pri la leĝoj de la inteligento kaj pri la reguloj ĉi tiun direktantaj al la elserĉado de la vero.

*Vero* estas natura kaj konstanta aspiro de la inteligento.

*Inteligento* estas kapablo por koni.

*Koni* estas havi konscion pri rilato inter du aĵoj, *koni* estas juĝi.

*Ideo* estas rekta ekkono pri iu aĵo, akirita per simpla percepto.

*Propozicio* estas la parola esprimo pri iu ajn juĝo.

*Rezonado* estas ago per kiu ni starigas rilatojn inter jam formitaj juĝoj. La rezonado povas esti *indukta*, kiam ĝi iras de partikularaĵo al ĝeneralaĵo; *dedukta*, en okazo kontraŭa.

*Argumentado* estas parola esprimado pri rezonado. La argumentado estas *silogisma* kiam ĝi konsistas el tri propozicioj asertantaj, el kiuj la tria, nomata *konkludo*, estas deduktata el la du unuaj, nomataj premisoj: *ĉiuj korpoj estas pezaj, arĝento estas korpo; do, arĝento estas peza.*

*Scienco* estas ordigita serio el veroj dependantaj unu de la aliaj kaj regataj de kelkaj principoj konsciataj evidentaj.

*Teorio* estas aro el veroj rilatantaj al iu celo mem kaj kiuj havas interrilatojn inter si mem.

*Metodo* estas la procedo uzata de la homa spirito por la elserĉado de la vero, aŭ por ĉi tiun elpruvi aŭ demonstri, kiam oni jam akiris ĝin.

La metodo povas esti *analiza*, irante de la kunmetitaĵo al la simplaĵo; *sinteza*, irante de la simplaĵo al la malsimplaĵo. Krom ĉi tiuj du grandaj metodoj, ni havas la *sciencan*, kiu entenas samtempe la du antaŭajn, elektante el ili tion, per kio plej facile ni atingas la konon de la vero.

*Demonstri* estas vidigi la veron de propozicio aŭ aserto, fundamentante sur evidentaj principoj, rilatigante la jam starigitajn ideojn kaj juĝojn.

Partikulara propozicio estas vera kaj certa kiam ĝi estas entenata de ĝenerala kaj vera propozicio; sed povas la ĝenerala ne esti certa, kvankam jes la partikulara; la unuaĵo, ĉar la parto senmankigas la tuton; la duaĵo, ĉar la tuto ne estas entenata de la parto, el kio devenas la jenaj manieroj por demonstri:

I.e Se ĉiuj partikularaj propozicioj entenataj de la ĝenerala estas certaj, ankaŭ estas certa la ĝenerala propozicio; kaj tial, se, elpruvante ke ĉiuj partikularaj propozicioj estas certaj, ni vidigas *induktante* la ĝeneralan certa, ni demonstras *a posteriori.*

II.e Se ni deduktas ke propozicio estas certa, ĉar ĝi devenas de

alia ankoraŭ pli ĝenerala, vera kaj tiel konsciata, ni demonstras *a priori*.

III.e Se deirante por demonstro *a priori* de ĝenerala propozicio, kaj per rigora katenado ni alvenas al evidente falsa propozicio; ni deduktas, ke la ĝenerala, de kiu ni deiris, ankaŭ estas falsa: ĉi tiun demonstron ni nomas *ad absurdum*, per kiu ni multfoje demonstras, ke propozicio estas certa ĉar ĝia kontraŭa estas absurda.

*Aksiomo* estas vero, kiu ne postulas demonstron, ĉar ĝia eldiro nur vidigas ĝin evidenta.

*Teoremo* estas vero, kiun oni devas demonstri, t. e., aserto evidentigata de rezona pruvado konsistanta el *hipotezo* aŭ supozo provizore akceptata por klarigi kaj komprenigi konstatitajn faktojn kontrolotajn per pluaj eksperimentoj; el *tezo* aŭ aserto, kaj el *demonstro*.

Se oni ŝanĝus la hipotezon per la tezo, kaj ĉi tiun per tiu, la *rekta* teoremo estas nomata *reciproka*.

*Korolario* estas vero derivata de teoremo, konsekvenco de la teoremo.

*Lemo* estas helpanta teoremeto preparanta plej rapidan demonstron.

*Eskolio*, estas klarignotoj, rimarkoj aŭ avertoj, intermetitaj inter la teoremoj por faciligi ilian kunligon.

*Postulato* estas vero kun praktika karaktero kvankam ne demonstrata; kvazaŭ tezo postulanta akcepton kiel vero.

*Problemoj* estas la propozicioj, kiujn oni starigas por determini la valoron de io, kion oni nomas *inkognito*, per ĝiaj rilatoj kun aliaĵoj konataj.

* * *

## «AQUA ALLE FUNI!!»
## («MALSEKIGU LA ŜNUROJN!!»)

La grava fakto okazis septembre, en la jaro 1586a. Vere «roma entrepreno»! La afero estis ne malpli ol translokigi meze de sur la vasta Placo Vatikana la faman Obeliskon. Malfacila tasko!

Laŭ iaj historiistoj, Kaligulo (je malfeliĉa rememoro) ordonis, ke oni transloku ĝin el Egiptujo al Romo. La ordono plenumiĝis; la grandega prismo alvenis al «Eterna Urbo» kaj estis starigata sur ia loko poste nomata Cirko de Nerono. Oni diras ankaŭ, ke taŭga granda ŝipo, tiucele konstruita, transportis ĝin per agado de tricent remistoj. Malgraŭ la mallonga interspaco de tiu sidejo al supredirita Placo, la baroj kaj malfacilaĵoj ŝajnis nesupereblaj. Jen pri tio kelkaj komprenigoj: ni konsideru unue la epokon, kiam la afero entrepreniĝis; ni

rimarku ankaŭ la koston de starigo: la gravan sumon cent mil spesmilojn (laŭ esperanta monsistemo). (1); fine, la grandega monolito, longa je pli el kvardek metroj, pezas tricent kvindek mil kilogramojn proksimume. Kompreneble, la entrepreno estis eksterordinara, preskaŭ nefarebla en tiu tempo.

Tiam Papo Siksto V$^{a}$ okupadis la Pontifikan Seĝon. En tago difinita al starigo de la impona Obelisko, lia Papa Moŝto, post la granda Meso, kiun li mem solenigis ĉe la Baziliko de Sankta Petro, iris kune kun sia sekvantaro (la Kortego, nobelaro, diplomatoj, aŭtoritatuloj, k. c.) en la Vatikanan Placon. La momento iĝis tre emocia. La Papo levis sian dekstran manon benante la arĥitekturiston «Domenico de Fontana» (direktoron de la laboroj) kaj helpantojn. La danĝera tasko komenciĝis. Ia-ajn eraro naskus katastrofon. Dismetitaj en konvenaj lokoj troviĝis eĉ kvardek levmaŝinoj movotaj de cent sesdek ĉevaloj, kiuj estis senpacience jungitaj per tiriloj al la levilegoj.

La «tuta Romo» alestis al la vasta placo. El timo ke la popolamaso malhelpus kaj eble malsukcesigus la laboron, per sia kriado kaj bruego, minaco je mortigo estis publike proklamata, por puni ĉiujn (kiuj-ajn li estos), kiuj laŭtigis sian voĉon. Okcent metiistoj kaj penuloj apudestis la maŝinojn. Je signalo de Fontana, tiu labirinto de leviloj, ŝnuroj kaj ĉiuspecaj iloj, saĝe kombinitaj, ekfunciis laŭregule kaj plensucese. La laboro rapidiris senbruece; tiel senbrue ka «la silento aŭdiĝis», laŭ malnova trafa esprimo. Antaŭvidiĝis feliĉa sukceso: la belega monumento baldaŭ «vertikaliĝos», oni diris unuj la aliajn. Ankoraŭ unu lastan puŝon kaj ĝia starigo estos elfinita fakto...

Subite ho! malfeliĉo! la maŝinaro haltis; io neatendita okazis en la malsimpla maŝinaro elpensita de la genia Fontana. Oni esploris, kontrolis ĉion, kunligilojn, transsendilojn, ŝnurojn, k. c.; ĉio neutile. La situació iĝis pli kaj pli malkvietiga. La ŝnuroj, pro troeco de laboro, ekfumiĝadis. Fontana mem ŝanceliĝis pri decido. Korpremo kaptis la animon de l' ĉeestantaro, kiu antaŭvidis neeviteblan ruiniĝon.

Ĉe tio ĉi, iu ĉesigis la emocian silenton. El nekonata angulo aŭdiĝis laŭtege: «aqua alle funi!!» («malsekigu la ŝnurojn!!»). Tuj Fontana komprenis la savigan rimedon. Oni surverŝis grandan kvanton de akvo sur la ŝnuraron; mireginda efiko! La ŝnuroj per ensorbigo je akvo kuntiriĝis, trenante sufiĉe la belan ŝtonegon, kiu fine atingis vertikalan metiĝon, kvazaŭ la levilegoj ne interrompiĝus en sia funkciado.

---

(1) Spesmilo=2'53 pesetoj.

La nomo *Bresca* de la modesta ŝipano naskiĝinta en «San Remo», kiu ekkriis «aqua alle funi» restis neforgesinda je la memoro de la Homaro. Lia Papa Moŝto Siksto V^a^, je lia peto, donis al li profitan privilegion, por ke li provizumu je palmoj, li kaj posteuloj, la Vatikanan Bazilikon en la Palmo-Dimanĉo; ankaŭ nomis lin ŝipestro, kun rajto uzi pontifican flagon, kaj superŝutis lin per aliaj honoraĵoj.

Nun la turistoj admiras la majestan monoliton kronitan de la Sankta Kruco entenanta, kvazaŭ en relikvujo, «Lignum Crucis». Multaj el ili ignoras kiom da oferoj, studoj, klopodoj kaj elspezoj kostis, ke ĝi prezidu la Placon de l' Vatikano.

CONRADO UDEA

* * *

ORIGINALA FABELETO

## KIAL LA ĈEVALOJ NE TRINKAS «BIERON»

Dum la tempoj de la «NANITA», ĉe la ĉevallando, la cevalestro orfonis la fabrikadon de trinkaĵo farita el hordeo kaj lupulo, ĉar li jam laciĝis trinki akvon.

Liaj vasaloj komencis fabriki la diritan trankaĵon, sukcesinte pri bongusta trankaĵo, kiu estas nomata «BIERO».

Tiel plaĉis la BIERO al la gereĝoj kaj al la tuta geĉevalkortego, ke ili prenis tiel grandan ebriaĵon, ke ĝi produktis al ili profundan dormon, el kiu ili ne vekiĝis ĝis kiam pasis proksimume ok semajnoj.

Dum tiu tempo longedaŭra, regis en tiu popolo kompleta anarĥio.

Kiam la gereĝoj kaj la tuta kortego vekiĝis, vidis la bedaŭrindan staton, en kiu oni trovis la ĉevalaranojn, kaj tiam la reĝo ordonis la publikigadon de la sekvanta dekreto:

«La cevalestro ordonas, ke la manĝaĵo de la geĉevaloj kaj de la geĉevalidoj konsistu el hordeo, pajlo kaj herbo, kaj la trinkaĵo el akvo, kaj ke restu absolute malpermesata la uzado de tio, kion oni ne permesas per tiu ĉi dekreto.»

Jen la respondo al la demando, kiun ekpriskribas tiu ĉi fabeleto.

NAIVULO

* * *

# BASKAJ PROVERBOJ

I

Ju pli mola la ligno, des pli interne la vermo
Ĉiu popolo sian leĝon, ĉiu domo sian moron
Lupo ne havas pli bonan mendiston ol lupo mem
Tiom da bonaj virinoj, tiom da bonaj hejmoj
Kiu volas vidi belan Aprilon, tiu vivu cent jarojn
Ju pli rapide, des pli ripoze
Drinkulo estas besto, ne homo.
Ŝafino ŝafblekanta ne manĝas herbon.
Sub bone kombita hararo, sin kaŝas ofte malsaĝa kapo
Jen norde, jen sude, tiel ŝanĝiĝas la virina volo.
Ju pli oni posedas, des pli oni deziras
Pro nova amiko, ne lasu malnovan.

*Esperantigis* : A. N. D.

---

# AMUZAJOJ

## ENIGMO

Anstataŭu la ciferojn per literoj, tial ke oni povu legi :

**1 R 2 3 4** Aro de paralelaj stangoj, kunigitaj per aliaj perpendikularaj, servanta kiel forta baro.

**1 2 R 3 4** Malbona herbo, de la familio de la kompozitoj.

**1 2 3 R 4** Lignaj aŭ metalaj pecoj, ĉirkaŭante pentraĵojn.

* * *

SOLVO al la kvarlatero de la antaŭa n-ro :

CI KA DO
KA ME LO
DO LO RI

* * *

## CIFEROJ KAJ LA HISPANA RESPUBLIKO

La Kabalo entenas misteraĵojn : la Hispana Respubliko naskiĝis la dekkvara tago de la kvara monato de l' mil naŭcent tridek unua

jaro. Ni legu la jaron laŭ jene: 1+9+3+1=14. Kaj ni havas: 14 (tagon), 4 (monatan), 14 (jaron), kies ciferoj sumataj aparte (1+4+4+1+4) donas la rezultaton 14, t. e., du fojojn 7=14.

* * *

## AL LA SAMIDEANOJ

Bonvolu sendi ĉiajn novaĵojn pri loka kaj regiona movado por aperigo sur la gazeto al Sekretariejo de H. E. A.; kaj same bonvolu, la ankoraŭ nepagintoj la ĉi jaran kotizon, sendi ĉi tiun kiel eble plej baldaŭ. Kiuj, ne estu ricevintaj nian oficialan propran organon, petu ĝin kaj atentu ke ĝi pliboniĝos.

* * *

## E N I G M O

Estas kvin esperantaj vortoj, kiuj nur sin diferencas laŭ la finanta vokalo.

Finanta per *a*, *ne estas* adjektivo.
» per *e*, *ne estas* adverbo devenanta de adjektivo.
» per *i*, *ne estas* verbo.
» per *o*, *ne estas* nomo.
» per *u*, *ne estas* ordona modo de verbo.

(*La solvo en la proksima numero*).

* * *

## ESPERANTA SUMO

```
    . x
  . . x . .
    . x .
. . . x
      x .
    . x .
      x . . .
```

Anstataŭu punktojn kaj stelojn per literoj, tiamaniere ke sur la horizontataj linioj oni povos legi numerojn, kaj sur la vertikala stela linio la sumon de la horizontalaj numeroj.

(*La solvo en la proksima numero*).